ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • JUNIO—JULIO 1950 • NUMERO 6—7

# Ni servas honeste

(Traduko de la mallongigita parolado, kiun diris s-ano Adolf Malík, prezidanto de EAČSR, okaze de la VIII-a kongreso de ĉeĥoslovakaj esperantistoj en Brno, la 27—29-an de majo 1950.)

Ni, fidelaj gefiloj de la ĉeĥa kaj slovaka nacioj venis ĉi tien por manifesti por nedividebla paco kaj kunlaboro inter nacioj sur kampo de sciencoj, kulturo kaj klerigo, do ankaŭ sur kampo sociala kaj politika, sen diferenco de raso, nacieco kaj religio. Ni, ĉeĥoslovakaj esperantistoj, kiel progresema parto de niaj popoloj, plivalorigas nian laboron eĉ per scipovo de Esperanto. En la hodiaŭa decida lukto por paco estas tiu ĉi fakto tre grava, ĉar ni ĉiuj firme subtenas la aferon de la paco surbaze de proleta internaciismo. En niaj vicoj ne estas loko por supraĵa nacionalismo, nacionalista demagogio de senfrukta patriotaĉado kaj standardumado. Ni batalas por patriotismo vera, sindonema, kaj tiun ĉi batalon ni transplantas pere de Esperanto eĉ sur kampon internacian.

Ofte troviĝis en niaj vicoj tiaj, kiuj malbone komprenis la interhoman amon. Ili estis pretaj ami eĉ homon malbonan, paraziton je homa societo, kiu ekspluatis kaj subpremadis la laborantan homon. En pasinteco al multaj esperantistoj sufiĉis, ke tia kapitalisto parolis Esperante. Ĝi estis malĝusta kaj erara kompreno. Ĝi estis kosmopolitismo, servanta antaŭ ĉio al kapitalismo kaj do al imperialismo.

La Munchena Decido (pri ĈSR, en 1939) estas klara pruvo, ĝis kien venos nacioj, kiuj subiĝas al kosmopolitismo. Nova, progresama homo konsciiĝas pri la danĝero kaj tial li konstruas la nacian solidarecon kaj socialismon, kaj do kreas la bazon por proleta internaciismo, en kiu la naciaj sentoj estas plene respektataj kaj la nacioj mem kreas al si la kondiĉojn de sia ŝtata kaj nacia ekzistado.

Tio ĉi estas la nova vojo de nia renaskiĝinta Esperanto-movado, ĉar sur kampo de esperantismo ni povas plej efike kontraŭbatali kosmopolitismon en ĉiuj ĝiaj formoj. Ĉe ni eĉ hodiaŭ aŭdiĝas voĉoj kontraŭ Esperanto, kvazaŭ ĝi estus jam anticipe afero kosmopolitisma. Oni forgesas, ke ne gravas la internacia karaktero de Esperanto, sed al kiuj ideoj ĝi servas. Ĉeĥoslovakaj esperantistoj jam antaŭ longe forlasis la pozicion de neŭtralismo kaj fariĝis kunbatalantoj por progreso kaj socialismo. En tiu ĉi batalo Esperanto servas kiel eminenta batalilo, servas al nia popoldemokrata sistemo.

Kelkfoje ni aŭdas de niaj samlandanoj: „Kial vi klopodas, tiu Esperanto ja havas nenian estontecon, ĝi havas nenian sencon; kiom nombraj vi estas, nur areto tra la tuta mondo; ĝi ne valoras la penon“ ktp. Tion ĉi povas diri nur homo absolute neinformita kaj malamika, kiu ne komprenas, kiom da forto estas en la funkcio de Esperanto ĝuste en la nuntempa lukto por paco. Estas vero, ke en la mondo estas da ni nur iom pli ol kvar milionoj, sed ni estas ĉie. Kaj ni ne darfas forgesi, kiaj homoj estas esperantistoj. Ili ĉiuj antaŭ ĉio fanatike servas al bona afero, ili servas al progreso.

Ankaŭ en Lidové noviny estis artikolo kontraŭ Esperanto, en kiu la aŭtoro subtakstis, ja tute bagatelis nian kontribuon al la klopodoj pri monda paco. Kaj tamen ni vidas, ke gravas eĉ ĉiu subskribo, subtenanta la Stokholman Deklaron kontraŭ la atoma bombo kaj ĉiu, eĉ la plej malgranda servo al paco — tial gravas ankaŭ la porpaca laboro de ĉeĥoslovakaj esperantistoj kaj estas do neeble preterpasi sen rimarko tiujn artikolojn, kiuj subfosas nian bonan laboron.

Ni obeas al la vortoj de prezidento Gottwald, ke ni nuntempe multe pli ol iam en pasinteco devas observi, kio okazas en la mondo. Kaj ĝuste tial havas nuntempe Esperanto por ni gravegan informan funkcion, kiu ne darfas esti bagatelata, sed kiu, tute male, devas ricevi ĉiuflanke plenan subtenon. Ni scias, pri kia klareco kaj multflanka uzebleco disponas Esperanto, kiu ja en estonteco ĉesos esti nomata „artefarita“, ĉar ni jam hodiaŭ scias, kiel mirige viva lingvo ĝi estas, kiam ĝi estas parolata de homo ĝin bone scipovanta. Sed por ni, ĉeĥoslovakaj esperantistoj, la ĉefa instigo por kultivado de tiu ĉi lingvo devas esti la fakto, ke junaj homoj en okcidentaj landoj grandare lernas Esperanton, ja eĉ en lernejoj; ke tie elkreskas granda nombro de novaj esperantistoj, al kiuj ni ĉiutage povas paroli Esperante; Esperanto alti-

ras ilin al la radio kaj ili ekscias pri nia patrujo tion, kion al ili la kapitalistaj preso kaj radio ne malkaŝas aŭ prezentas en kripligita formo. Estas do tute klare, ke ni bonvenigas la fakton, ke Esperanto estas lernata, ĉar ĝi havigas al ni novajn eblecojn gajni homojn por laboro bazita sur proleta internaciismo.

Mi kredas, ke estas klara ĉio, kion mi ĉi tie diras por defendo de Esperanto ĉe ni, por ĝia protekto per la preso, por aranĝado de kursoj, kiuj kreas novajn vicojn de fidelaj kaj sindonaj servantoj al la Respubliko. Estas tute senbaza la aserto, ke Esperanto malplifortigas ĉe niaj popoloj la emon lerni la rusan lingvon, kiun oni ĉe ni tiel fervore studas. Tute male. Al multaj homoj Esperanto aktive helpas en studo de fremdaj lingvoj kaj eĉ plingrandigas ilian praktikan uzeblon, ebligante la trovon de fremdlingvaj korespondantoj, de literaturo ktp.

Valortaksante nian ĝisnunan laboron sur kampo de esperantismo ĉe ni, ni vere povas esti kontentaj, malgraŭ tio, ke ni kelkfoje trovis malkomprenon. Ĝi estis tial, ĉar neinformiteco pri la funkcio de Esperanto en nia Respubliko kaŭzis malplirapidigon de nia evoluo. Sed estas nia devo rebonigi ĉion, ĉar ni havas la eblecon evolui nian kulturan laboron, kiu devas konformi al la popoldemokrata sistemo de nia patrujo, por kiu ni estas pretaj alporti eĉ la plej grandajn oferojn. Defendi nian Respublikon en nia korespondado kun eksterlando estas nia ĉefa devo. Ni havas en la manoj fortegan batalilon, kiun neniu el ni darfas misuzi kontraŭ nia patrujo. Ĝis nun io tia ne okazis, kaj mi estas konvinkita, ke vi daŭrigos pluen tiel sinofere kaj senprofiteme labori por la bona reputacio de nia ŝtato en eksterlando. Mi scias, ke ĉeĥoslovakaj esperantistoj kaj bonaj anoj de la Asocio perfidos sian popolon nek en persona kontakto, nek en sia korespondado kun eksterlandano. „Venos iam tempo,“ diris la ĉefministro Zápotocký, „kiam la Respubliko esploros pri ĉiu, ĉu li konstruis aŭ subfosadis la ŝtaton.“ Mi kredas, ke esperantistoj en tiu ĉi esplorado fiere kaj digne staros en la vicoj de tiuj, kiuj bone servis al la popolo.

---

NI SALUTAS

LA PARTOPRENANTOJN DE ĈIUJ SOMERAJ ESPERANTO-KOLEGIOJ KAJ KURSOJ.

BONAN PROSPERON, AGRABLAN AMUZON!

# Kio okazas en ĈSR

## ĈEĤOSLOVAKIO HELPAS SEKURIGI LA MONDPACON.

Ĉeĥoslovakio estas unu el la landoj, kiuj tre multe suferis dum la lasta milito. Ĝia loĝantaro estas pacama, estas do kompreneble, ke ĉiu entrepreno, kiu helpas al plifirmigo de la monda paco, trovas sinceran subtenon. Pasintjare nia lando aranĝis konferencon de porpacaj batalantoj kaj krom ĝi okazis kaj okazas multegaj amasaj kunvenoj kaj kongresoj, kies celo estas mobilizi la vastajn popoltavolojn por celkonscia aktiveco porpaca.

Eble la plej signifoplena porpaca entrepreno de la lastaj monatoj estis la kolekdato de subskriboj favore al la Stokholma Deklaracio kontraŭ la atombombo. La du atombomboj, kiuj eksplodis dum la lasta milito, montris sufiĉe klare la terurajn sekvojn de ilia eventuala amasa uzo. Estas do memkomprenebla afero, ke la loĝantaro de ĈSR — same kiel ankaŭ de ĉiu alia vere pacama lando — timas la uzon de tiu ĉi bombo kaj kondamnas ĝin jam anticipe, antaŭ ol ĝi estos uzita. La sinteno de la loĝantaro de ĈSR je la atombombo estis plej klare esprimita per la fakto, ke dum la tutŝtata kampanjo por Subteno de la Stokholma Deklaracio kontraŭ la atombombo estis kolektitaj ĉirkaŭ *naŭ milionoj kaj duono da subskriboj*, kiuj kondamnas la bombon. ĈSR havas iom pli ol 12 milionojn da loĝantoj. La nombro de subskriboj kontraŭ la atombombo do signifas, ke la Stokholman Deklaracion subskribis praktike ĉiu, kiu kapablas skribi kaj komprenas, ke la atombombo signifas finon de la kulturo kaj civilizo.

Sed tiuj ĉi naŭ kaj duonmiliono da subskriboj estas protesto ne nur kontraŭ la atombombo speciale, sed kontraŭ ĉiu speco de milito. Ĝi estas pledo por internacia reciproka sinkrompreno kaj kreo de tiaj vivcirkonstancoj por la popoloj, en kiuj milito estos ne nur nebezona, sed eĉ neebla maniero de ordigo de diversaj diferencoj inter ŝtatoj. ĈSR kaj la popolaj demokratioj kreas tiujn ĉi kondiĉojn celkonscie kaj laŭplane. La rearanĝo de la antaŭe nebona rilato de ĈSR al Hungarujo kaj Polujo ja estas pruvo, ke bona volo kaj ĝustaj principoj de najbara kunvivado kapablas venki eĉ la plej malnovajn sentojn de malamikeco; ke ili kapablas krei bazon de kompreno, elirpunkto por ĉiu cetera porpaca aktiveco.

La popoloj de Ĉeĥoslovakujo sincere deziras pacon kaj deziras ĝin ankaŭ la registaro. Tial en nia lando ĉiu aktiveco estas karakterizata per pacaj tendencoj. Ne nur la ekstera politiko, sed ankaŭ la kulturo, lernejo, preso, sporto ktp. estas trapenetritaj de porpacaj tendencoj. Tiel la ŝtato kiel tuto partoprenas en la grandioza lukto por paco, kiun nun efektivigas la pacamantoj de ĉiuj kontinentoj sen diferenco de raso, sekvante la devizon: *Por paco, por pli bona mondo, por pli ĝojplena estonteco de la tuta homaro.*

---



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Homoj kaj floroj bezonas pacon . . .

# Pri la lepro

Artikolo de d-roj P. Boiteau kaj R. Saracino, aperinta en „Le Médecin Francais,“ atentigis la kuracistan korporacion pri nova aspekto de la lepra problemo. En 1937 Boiteau, tiam direktoro de la Botanika Parko de Tananarivo (Madagaskaro), decidis tute inventarii la indiĝenan malgaŝan farmakopeon, orientante sin per la empiriaj rezultoj, akiritaj de la indiĝenoj. Pro tio li interesiĝis pri la planto „centella asiatica“, el kiu li ekstraktis la aktivan elementon, kiun li nomis „Aziatikozido“. Depost dek jaroj la terapeŭtikan influon de tiu produktaĵo studis la antilepra servo de Madagaskaro.

La lepro estas la plej terura malsano, konata jam en la prahistorio. Ĝia evoluo, t. e. la tempoperiodo, forpasanta inter la eniĝo de la mikrobo en la organismon kaj la unua simptomo, estas tre longa. Ĝi daŭras proksimume dum 5 jaroj kaj atingas 10 eĉ 15 jarojn.

Dum la malsanperiodo la lepro havas tipan aspekton. Iuj lepruloj havas tre pigmentitajn makulojn aŭ male, senkolorajn lokojn sur la haŭto, kie la sentokapablo estas forigita. Ilian korpon kovras elstarantaj vundoj, kiuj trapenetras la histojn kaj ŝveligas la haŭton. Kun siaj ŝvelintaj palpebroj, nazo, mentono kaj ege grandaj oreloj, la vizaĝo de leprulo havas bestan aspekton, kiun oni nomas „leontiasis“ aŭ „leona fizionomio“. La plej granda parto de la internaj organoj povas esti trafata, eĉ la nerva sistemo, kaj sub la haŭto estas videblaj la ŝveliĝantaj nervoj.

La kripliga lepro estas la plej grava: la ostoj senkarniĝas, la artikoj malfermiĝas. La konsekvenco estas teruraj stumpigoj: la mankaj piedfingroj falas unu post la alia, aliigante la membrojn je senformaj stumpoj. Veninta al tiu ekstrema stadio, post 15 aŭ 20 jaroj de suferado, la leprulo blinda, paralizita, kun vizaĝo tute difektita, lamente, mizere vivas ĝis la neevitebla morto. Tamen estas frapa trajto, ke la leprulo stoike vidas la progreson de sia malsano; neniu iam provis mallongigi la malrapidan agonion.

Nuntempe nia agado kontraŭ la lepro baziĝas sur sistema malkovro. La tuta efikeco de profilaktikaj rimedoj dependas de frua diagnozo, tre malfacila, ĉar la lepro komence ne estas facile rekonebla. La rimedoj radikale transformiĝis, sekve de konvinkaj rezultoj, akiritaj en Norvegujo. Izoladon anstataŭas tuta serio de higienaj rimedoj, de azilo por nekurac-

ebluloj ĝis la malsanulejo por trafituloj kaj specialaj klinikoj por personoj, trafitaj de lokaj malsaniĝoj sur okuloj, nazo, laringo ktp.

Kunigo de kuracado kun profilaktiko estis la lasta progreso. Iam estis intense uzita la malnova hinda kuracilo: oleo de chaulmoogra (pron. *ŝolmugra*) kiu, kvankam mildiginte la doloron, ne posedis realan efikecon. La eltrovo de aziatikozido estas konsiderinda evento. D-ro Grimes, ĉefkuracisto de la lepra profilaksio en Madagaskaro, skribis en 1944, ke la sanstato de malsanuloj, rezistantaj al ĉiu alia terapeŭtiko, tuj pliboniĝis. Aliaj vidas siajn lepraĵojn fandiĝi kiel sukero en akvo. Se okuloj ne estas defintive detruitaj, la malsanulo denove vidas.

Ni baldaŭ ekscios, ĉu la lepro malaperos dank' al la aziatikozido. Alia demando estiĝas: la lepron kaŭzas bacilo, trovita de Hansen en 1871 kaj ĝi ege similas al tiu de la tuberkulozo. La eksperimento kun aziatikozido sur tuberkuloza animalo donis kuraĝigajn rezultojn.

Tradukis *M. Cézar*, Francujo.

*M. Benka:*

# Slovaka pentroarto

## II.

Sama sorto, kiel Jakobon Bohdan, trafis ankaŭ la slovakan artpentriston-portretiston, *Johanon Kupecký,* kiu naskiĝis en Pezinok (urbeto en okcidenta Slovakujo) kaj mortis en 1740 en Nurenbergo. Post sia eduko pri pentro-arto en Vieno (Aŭstrujo) li foriris Italujon, kie li restis ĉirkaŭ dudek jarojn, studante kaj laborante tie por sia pliperfektiĝo en la pentro-arto. La Bildgalerio Pitti posedas lian aŭtoportreton. Multajn artverkojn li postlasis en Aŭstrujo, kie post sia dua veno en la aŭstran ĉefurbon li portretis nobelojn en iliaj kasteloj. Sed multe pli da artverkoj, precipe portretoj, li postlasis en Nurenbergo (Germanujo).

Johano Kupecký portretis ankaŭ la rusan caron Petron la Grandan, kio certe estis granda honoro por filo de tiel malgranda kaj nekonata nacio, kiel la slovaka, des pli por li mem kiel artisto. Bonan protektanton li havis en persono de princo Eŭgeno de Savoya, ĉe kiu li lasis ne unu desegnaĵon, ne unu bildon. Lia arto portas sur si trajtojn barokajn kaj pentro-manieron („hel-obskuro“) laŭ modelo de Leonardo da Vinci kaj

pleje laŭ la manieroj de karavaĝĝa stilo baroka. El lia aŭtoportreto, troviĝanta en la Pitti-Galerio, oni povas konkludi, ke li amis ne nur la pentro-arton sed ankaŭ la muzikon: li bildigis sin kun violono en la manoj. Tiu violono kunigadis lin dum ludado de slovakaj popolkantoj kun lia naskiĝ-lando sub Altaj Tatroj-Slovakujo.

Dum la feŭdala hungara superregado por slovakoj ne ekzistis mezaj, altaj eĉ ne fakaj lernejoj kun instru-lingvo slovaka. Slovakaj junuloj, talentitaj por arto, devis serĉi lernejojn en fremdlando, kio ne havis ja bonan influon je ili. Ilia edukado per nepatrina lingvo, samkiel ilia artista evoluo, ne povis progresi tiel rapide, kiel ĉe nacioj kun almenaŭ kultura libereco. Nur tri mezlernejoj kun slovaka instrulingvo estis permesitaj en Slovakujo tiutempa, kaj ankaŭ ili post mallonga tempo per registara absolutismo kaj hungara nacia ŝovinismo estis fermitaj. Por la studonta junularo slovaka restis nenio ol submetiĝi al la absolutismo kaj cedi al ŝovinismo aŭ forkuri eksterlanden kaj studi tie. Ĉi-kaŭze la slovaka nacio perdis multajn intelektulojn kaj artistojn, kiuj nacie renegatiĝis kaj florigis fremdan kulturon.

Sub ŝovinismaj registaroj kaj dum militoj la slovaka nacio multe suferis kaj ne malpli la evoluo de ĝia arto. Neĝoje estas konstati, ke nur antaŭ nelonge la slovakoj fariĝis *nacio*. Ĝis tiu tempo ili estis nomataj nur „slovaka popolo". Sed la popolo kaj ĝia inteligentularo sopiris kaj per grandegaj klopodoj laboris por sia liberiĝo kaj rekono kiel nacion. Sub la absolutismaj kaj ŝovimismaj registaroj la evolu-vojoj por la slovaka arto estis tute endigitaj kaj je longaj jaroj ekestis grandega paŭzo kaj interspaco, en kiu la alta arto dormis. Sed la popolo kreis plu; ĝi eltranĉadis el ligno ornamaĵojn, pentris per sia primitiva maniero sur vitro bildojn laŭ legendoj pri sia heroo (Georgo) Jánošík, kiu batalis por libereco kaj sociala justeco kontraŭ la registara subpremado, eksplutantaj riĉuloj kaj por la liberigo de la nacio el la sklaveco kaj servuto. Lia propra patro estis turmentmortigita de la sinjoraj trabantoj kaj li mem oferis la vivon sur la nacia altaro. Li estis kondamnita je morto kiel rabisto kaj pendigita, sed lia ideo pri sociala justeco kaj libereco restis viva. Ĝi vivas eĉ nun en la slovaka nacio.

Tre multaj popolkantoj, bildetoj, kreitaj laŭ la legendo pri Jánošík vivas kaj inspiradas la slovakajn artistojn kaj literaturistojn al artlaboroj. El la Jánošík-legendo elkreskis teatraĵoj, tragedioj, kantludoj eĉ filmoj.

*(Daŭrigo.)*



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Somero sur slovakaj riveroj

# Rezultoj de unu enketo pri Esperanto

Ni raportis pri la enketo, kiun okazigis en diversaj landoj kaj Esperanto-kursoj la Instituto J. J. Rousseau (por eduk-sciencoj) en Ĝenevo, Svislando. Pierre *Bovet,* la honora direktoro, deduktas el la faritaj eksperimentoj la sekvajn konkludojn:

La judoj kaj la slavoj lernas lingvojn kaj sekve ankaŭ Esperanton plej bone. — Malgranda kurso — bona rezulto. Lernejaj kursoj ĝenerale malpli bonaj ol eksterlernejaj. — Kono de pluraj lingvoj helpas lerni Esperanton, tamen en Ĉe-metodaj kursoj la diferenco ne estas rimarkinda. *Kono de naciaj lingvoj malpli helpas al lernado de Esperanto, ol kono de Esperanto al lernado de naciaj lingvoj.* Esperanto, logika kaj sen-escepta lingvo, povas esti facile lernata, eĉ sen kono de pluraj lingvoj. — Por bone kaj rapide lerni Esperaton, la ĉefa faktoro estas la inteligento; la grado de instruiteco ne montras frapantan diferencon favore al instruitaj homoj. Kiel influa faktoro inteligento aŭ fervoro estas pli grava ol instruiteco, do Esperanto fakte estas lingvo akirebla de homoj el ĉiuj medioj kaj ne necesas esti supere aŭ eĉ meze instruita por kapabli ĝin rapide kaj korekte lerni. — En ĉiuj landoj la geinstruistaro plendis pri tro grandaj klasoj kaj konstatis, ke la progresoj ĉe lernado estas pli rapidaj, kiam la nombro da lernantoj estas relative malgranda. La rezulto estas absoluta eĉ ĉe la divers-metodaj kursoj. En tiuj laŭ Ĉe-metodo (rekta metodo) la nombro da lernantoj ludas malgrandan rolon, ĉar la tre grandaj kursoj estas gvidataj de la plej eminentaj instruantoj de Esperanto, ja eĉ de la „granduloj" de la movado. Unuflanke ilia alt-kvaliteco kiel Esperanto-instruantoj favoras la akiritajn rezultojn, aliflanke ili ankaŭ altiras pli da eminentaj gelernantoj, ol tion faras malpli konataj instruantoj. En tiaj kursoj estas pli forte ekvekita la „entuziasmo". Do la rezultoj de la Ĉe-kursoj superas je proksimume 10% la aliajn. — Ĉe ne-plenaĝuloj, la lernantoj kiuj havas duagradan instruitecon (ekz. de gimnazio) pli bone sukcesas ol tiuj, kiuj vizitis nur unuagradan lernejon. Ĉe personoj havantaj nur unuagradan instruitecon, la kursoj por plenaĝuloj liveras pli bonajn rezultojn, ol la porinfanaj. En kursoj por plenaĝuloj malsame instruitaj, la lernantoj kiuj scias almenaŭ unu alian lingvon ol la gepatran, iomete pli bone sukcesis ol tiuj, kiuj konas nur la gepatran.

Finrezulto: de teknika vidpunkto la enketo montriĝis favora al ĝenerala instruado de Esperanto kiel mond-helplingvo, ĉar la spertoj estas similaj al tiuj jam faritaj en instruado al aliaj lingvoj. Esperanto estas reale en kadro de la konataj naciaj lingvoj, do fakte adaptita al iuj ajn nacilingvanoj. Same de psikologia vidpunkto E. estas vivanta helplingvo, taŭga por esti rekomendata kiel sola mondhelplingvo. La fakto, ke la faŝistaj registaroj malpermesis ne nur la uzadon de E. por korespondado kun eksterlando, sed eĉ ĝian lernadon kaj instruadon, pruvas, ke ili atribuis al E. kapablon influi la *spiriton* de iliaj regatoj kaj helpi al ĝia liberigo. Neniu alia lingvo, eĉ ne la angla, estis submetita al simila kontraŭeco iliaflanka.

# Esperanto por la servo al popolo en Ĉinujo

Post la epokfara venko de ĉina popolo kontraŭ la koruptita kuomintano malfermiĝis ankaŭ por ĉinaj esperantistoj larĝa kaj libera vojo al ĝisnun neviditaj kaj neeblaj sukcesoj en la batalo por rapida rekonstruo kaj disvolviĝo de ilia lando; por la kunlaboro kun tutmonda progresema esperantista movado kaj por la plifirmigo de pacama kontraŭimperialista tendaro en la tuta mondo. Jam dum la liberiga milito la ĉinaj esperantistoj staris en kontraŭkuomintana fronto kaj aktive partoprenis la batalon. La tutmonda esperantistaro kun malĝojo kaj indigno eksciis pri la abomeninda murdo de ĉina esperantisto Eltunko fare de kuomintanaj agentoj en Ĉengtu. Ankaŭ ĉeĥoslovakaj esperantistoj konas fervoran batalemon de k-do Eltunko el ĉinaj peresperantaj gazetoj, kiel Lingvo, Ĵurnalisto, Verda Folio, El Ĉina Muziko k. a. La Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio perdis unu el siaj plej aktivaj membroj, same kiel IEL sian delegiton en Ĉengtu.

La perforta morto de k-do Eltunko instigas ankaŭ ĉeĥoslovakajn esperantistojn kune kun niaj ĉinaj kamaradoj kaj ĉiuj progresemaj samideanoj en la tuta mondo al pli fervora laboro por la venko de progreso, de socialismo kaj libero kontraŭ ĉiuj imperialistaj krimulaj klikoj, kie ajn ili troviĝas. „Esperanto por la servo al popolo“ — ĉi tiu devizo de ĉinaj esperantistoj estas samtempe ankaŭ nia devizo.

La ĉina esperantista movado firme ekpaŝis antaŭen sub gvido de konataj progresemaj esperantistaj laborantoj. En Ŝanhajo organiziĝis Ŝanhaja Esperantista Ligo, kie laboras k-doj Ĵelezo, (konata kiel redaktoro de „La Mondo“, „Ĉinio Hurlas“ kaj „Heroldo de Ĉinio“) kaj Tikos, (kunlaboranto de „Voĉoj el Oriento“), kun grupo de pliaj fervoraj samideanoj. Ili ekde la komenco de ĉi tiu jaro eldonas reprezentan monatgazeton „Popola Mondo“ kiel oficialan organon de ŜEL. Ĝi estas skribita plejparte en ĉina lingvo, do (eble almenaŭ provizore) ĝi estas destinita por ĉinaj gesamideanoj. La adreso: „Popola Mondo“, P. O. Kesto 636, Ŝanhajo, Ĉinio.

En majo 1950 komencis aperadi plia reprezenta esperantlingva gazeto en Pekino sub la titolo „El Popola Ĉinio“, eldonata de Fremdlingva Eldonejo, 26 Kuo Hui Chieh, Pekino, Ĉinio. En ĝia redakcio laboras ankaŭ al slovakaj esperantistoj konata s-ano Honfan post sia translo-

ĝiĝo el Ŝanhajo, kie li kunlaboris ĉe la fondigo de ŜEL kaj „Popola Mondo“. La gazeto „El Popola Ĉinio“ estas skribita ekskluzive en Esperanto kaj estas destinita plejparte por eksterlanda samideanaro. Same por ni en ĈSR kiel ankaŭ por alilandaj esperantistoj ĝi estos preskaŭ unika informilo pri la vivo de nova Ĉinio, ĉar nacilingvaj gazetoj el Ĉinio aŭ pri ĝi ankoraŭ longe ne superos la praktikecon kaj uzeblecon de Esperanto kiel ligilo, helpanto kaj batalanto por internacia kunlaboro, interkonatiĝo kaj laboro en la konstruado de paca, libera, socialista mondo.

*I. Zalupský.*

---

# Malsaneta ofte estas mia koro . . .

de FEZ.*

Malsaneta ofte estas
mia koro.
„Kormalsano,“ juĝatestas
la doktoro.

Sekvi devas mi konsilon
malgraŭvole:
la dieton kaj trankvilon —
senpetole.
Ribeleta tamen estas
koro mia
kaj junece ĝi protestas
kontraŭ tio.

—Ne dieto, ne trankvilo,
ne doktoro!
Mi malsanas pro pikilo
de l'Amoro.

---

* Felikso Zamenhof, frato de L. L. Zamenhof.

*I. Schoon, Nederlando:*

# Tour de France

(Konkursa biciklado tra Francujo.)

En la etapo de Toulouse al Bayonne fariĝis Petit-Breton la heroo. La Argentinano jam baldaŭ sukcesis senigi sin de la aliaj kaj tutsola li veturis 200 km kaj alvenis 23 minutojn antaŭ la dua.

Petit-Breton venkis en ĉi tiu Tour, sed post unu jaro, en 1908, li atingis rekordon, traveturinte 5000 km per mezrapideco de 29 km po-hore! Nur 23 jarojn poste, do en 1931, per multe pli bona materialo plibonigis lian rekordon Antonio Magne.

En 1909 estis malpermesite ŝanĝi biciklon pro kiu ajn kaŭzo. Oni metis stampitan plombaĵon sur ĉiun biciklon kaj kiu alvenis sen ĝi, estis diskvalifikata. Jam en la unua etapo la fama Aucouturier fariĝis viktimo pro tiu kondiĉo. Aŭtomobilo difektis sian malantaŭan radon kaj la riparo kostis multegon da tempo.

La „Tour" de 1909 allogis 110 konkurantojn. Meznokte ili startis en Parizo de sur Place de la Concorde. Miloj kaj miloj ĉeestis ĉi tiun ŝajnstarton. Post tiu „starto" sekvis ia defilo sur Champs Elysées, kiun ĉiukaze oni hele prilumigis. Je la tria horo en tiu nokto okazis la vera starto en La Jatte. En ĉi tiu „Tour" Petit — Breton montris sian plej-potencon. La juna Luksenburgano Francois Faber fariĝis la dua.

Kiam Petit — Breton enveturis la finpunkton Parizon, estiĝis grand-ega entuziasmo pro lia giganta antaŭeco. Ĉiuj ĵurnalistoj kuris al li. Oni deziris scii la opinion de la Argentinano. Liaj vortoj kaŭzis bolantan senzacion: „La venontan jaron la Luksenburgano venkos granddistance *ĉiujn* aliajn!" „Kaj . . . vi mem?" ĉiuj demandis. „Tiam mi ne plu ĉeestos, ĉar mi decidis ĉesi dum la tempo de mia plej alta gloro!" Li ne tenis sian vorton, sed liaj profetvortoj fariĝis vero: jaron poste la Luksem-burgano leviĝis kapŝultre super la aliaj . . .

Post kiam en Bordeaux la Belgo Van Hauvaert estis venkinta la unuan etapon de la „Tour 1910", la dudek du jaraĝa Faber venkis ne malpli ol kvin etapojn sinsekvajn!! En tiu periodo seninterrompe pluvegadis dum ok tagoj. En la montoj, kie la biciklistoj devis preterpasi, regis ia malvarmondo.Estis por la konkursantoj preskaŭ superhoma tasko daŭ-rigi la veturadon, sed Faber „ŝlimvadis kvazaŭ anaso en marĉo". Sur

Ballon d'Alsace, Col de Porte kaj Col Bayard, sur ĉiuj ĉi montoj oni vidis Faber unuan! En ĉiu etapo li alvenis granddistance antaŭ la aliaj kaj li venkis tre facile en ĉi tiu „Tour". Je la finpunkto li deklaris ke ĉi tia „Tour" fakte ne estas penvalora... Verŝajne pro tio Henri Desgrange decidis plimalfaciligi la sekvantan „Tour", nome ankaŭ la Pireneojn li akceptis en ĝin. Tuta vico da pene surveturreblaj pintoj estis samnobraj ekzamenpostuloj. Ĉiu senerare solvinta ilin plenrajte nomiĝis majstro de la biciklo.

Malsupreniranto unu el la montoj Garrigou apenaŭ elsaviĝis el la manoj de la morto. Aksingo de lia antaŭa rado estis turnmalfiksita (verŝajne faro de iu konkurento de la biciklomarko „Alcyon".) Ĝuste ĉe treege danĝera loko, dum la biciklisto per kapturniga rapideco malsuprenflugis inter Nimes kaj Perpignan, lia antaŭrado fariĝis nefunkcipova. Garrigou faris nekredeblan mortfalon, sed ekhavis nur kelke da sensignifaj vundoj! Tio ĉi certe estas unu le la plej grandaj mirakloj en la historio de la Biciklado tra Francio!! Tamen al la Franco ĝi kostis neakiron de la dua alvenpremio en la klasifiko. La farinton de tiu ĉi ekstreme malsportiva ago oni neniam povis aresti. — La plej malfacila etapo estis tiu el Luchon al Bayonne. En ĝi estis kelkaj montpintoj imponantaj ĉiujn konkursantojn. Tie la ĉefkonkurso estis inter la ĵus el la manoj de la Mortfalĉisto eskapinta Garrigou kaj la Luksemburgano Faber. La unue nomita zumprapidis laŭlonge la ravinoj kvazaŭ neniam io estus okazinta! Neniu alia rapidanto havis eĉ etan ŝancon... ĝis subite vidiĝis la fajrruĝa trikvestaĵo de Lafourcade. Li loĝis en Bayonne kaj en la hejmregiono li volis alveni unua. Vere li sukcesis unua aperi sur tieaj montoj, sed en la 177-a kilometro post la montoj al Bayonne, Garrigou kaj Faber tenis lin je la tria loko. Ke la malgranda rapidbiciklisto alvenis nur kiel tria, tute ne malhelpis liajn samurbanojn honori lin. Ĉe lia alveno en Bayonne la urbanoj disrompis ĉiujn barojn kaj surŝultre portadis lin tra la stratoj.

Eĉ „Pireneoj", la montaro aldonita en „Tour de 1910" ne povis kontentigi Henri Desgrange-... En tiu jaro 21 el la 110 biciklistoj alvenis en Parizon. La fondinto de „Tour de France" opiniis konvena aldoni kelke da novaj malfacilaĵoj por 1911. Dum 10 monatoj Henri penmeditis pri tio kaj tiam li „trovis elsavon": la montojn „Galibier" kaj „Col d'Allos".

Petit — Breton nek estis la unua, nek la lasta sportisto, kiu ne tenis

sian vorton: „Mi ĉesas . . .“ Li, „la Argentinano“ ankaŭ ekbatalis, kiam la karavano forlasis Parizon. „Tour de France“ jam fariĝis ĉiujara, grava okazaĵo en Francio. Ĝi eĉ altiris jam multajn eksterlandanojn. Multe tamen intertempe ŝanĝiĝis. Ne okazis plu kiel en la unua biciklado, ke la publiko tiom favoris al unu, ke ĝi ĉiel malhelpis la aliajn atingi la finpunkton. En St. Etienne eĉ iam okazis, ke oni repelis biciklistojn per klaboj! En aliaj lokoj la konkursantoj trabatalis al si vojon portante la biciklon kiel ŝildon antaŭ si!! Io ŝanĝiĝis en la publika koncepto!! Tamen la publiko ankoraŭ iel havis influon je la rezulto de la biciklado. Tion spertis la fama Petit-Breton en „Boulogne sur Mer“. Ĝuste kiam li alvenis sur la velodromon, robusta marsoldato transiris la biciklejon. . . . La sekvo por la „Argentinano“ estis ke li venis sub sian biciklon kaj la akcidento eliminis lin et la listo de la partoprenantoj. Unu el la pedaloj „plugis“ tre grave lian vizaĝon.

La konkursa komitato, sen sufiĉa averto, aldonis du minutojn da deviga ripozo en la urbeto „Nancy“ (3ª etapo). La biciklistoj do tie du minutojn devis atendi ĉe la kontrolejo. La Luksemburgano Faber ne bone komprenis tion kaj post enskribo de la kontrolkarto li tuj resaltis sian biciklon. Desgrange baldaŭ veturatingis la bicikliston. Henri atendigis lin du kaj duonan minutojn. La aliaj tamen ne vidiĝis kaj tial Faber denove forrapidis. Dek sep minutojn antaŭ iu alia li alvenis al la finpunkto . . . tamen oni kvalifikis lin ne kiel unuan!!

En ĉi tiu „Tour“ ĉio bonege prosperis por Brocco. Tute sola li surgrimpis la diablan monton „Col de la Faucille“. Li havis jam dek minutojn da antaŭeco kaj ĉiam li pligrandigis ĝin. Kiel solulo li rapidegis tra Ĝenevo kaj impona rapideco igis lin flugi al Chamonix, la finpunkto en tiu tago. Iom antaŭe Brocco ie manĝis fragojn kun ĉampanvino. Tio ĉi montriĝis ne la plej bona rimedo por resti plenkapabla . . . Subite li ne plu povis . . . kaj estante nur sep kilometrojn antaŭ la celo li ŝanceliĝe debicikliĝis kaj tute senmove kuŝis vojflanke. Ĉi tiu „aventuro“ kostis al li la unuan premion en la finklasifiko!! Tial ĉi tiu superklasa rapidbiciklisto decidis dungi sin kiel „servisto“, (kiu helpas alian por atingi pli bonan lokon en la klasifiko.) I. a. ankaŭ la Luksemburgano Faber utiligis lin kiel antaŭveturiston. Henri Desgrange estis koleregа je Brocco. En sia sportgazeto li skribis i. a. ke Brocco estas sentaŭgulo kaj „neniam poste li havos permeson kunbicikli en sekvantaj ‚Tour‘ oj“. Sed Brocco protestis ĉe la konkursa komitato. Ĝis kiam ĝi

ne findecidis, neniu povis malhelpi, ke Brocco partoprenu! Li utiligis „sian okazon" venĝi al Desgrange la pergazetan ofendon. La lastnomita veturis en sia aŭtomobilo tuj post Brocco „por povi kontroladi lin". „Ni kvitigos nian kalkulon!" Brocco furioze kriis al „sia mastro". Li biciklis je la kvina loko, sed per kelkaj fortaj pedalpremoj li kuratingis la „gvidanton" kiu nomiĝis Garrigou. Li ekveturis tiel frenezrapide, ke li alvenis la unua.

Ĉi tiu „Tour" estis vere nervostreĉa. Eĉ okazis en ĝi provo veneni iun... Dum Brocco tiel fabele rapide veturadis al sia gloro, la rapid-biciklisto Dubocq, sur la pinto de la monto Tourmalet, havante sufiĉe da antaŭeco, en iu vojkurbiĝo svenis kaj faris transkapiĝon. Kiel okaze de la akcidento de Garrigou (turnmalfiksita aksingo) oni neniam trovis la kulpulon, sed oni helpis al Dubocq surbicikliĝi. Estas unu el la multaj rimarkindaj eventoj en la heroaĵplena historio de „Tour de France", ke nur kvar horojn post Brocco nia Dubocq transpasis la finpunkton de la tuta biciklado 1911.

En 1914 anstataŭ kelke da favoratoj inter amaso da biciklistoj, estis tuta vico da famaj rapid-biciklistoj, el kiuj oni konsideris ĉiun kapabla venki. Brocco jam longe ree estis intima amiko kun „sia mastro". Li denove brile veturadis. En la dua etapo li transpasis ĉiujn limojn de sinregado. Nemalhelpeble li preterpasis ĉiujn aliajn, sed dudek kilometrojn antaŭ la fino li subite ne povis plu. En vilaĝeto li kuŝis surdorse sur la tero sub fontano, dum areto da kamparanoj lin superverŝadis per siteloj da freŝa akvo.

En ĉi tiu jaro ekfamiĝis diversaj rapid-biciklistoj. Provizore ĝi tamen estis la lasta „Tour" ĉar sep tagojn post la lukto inter Flip Thijs kaj Henri Pelissier sur la Pariza Biciklejo por gajni la unuan premion, la mondmilito komenciĝis. Daŭris sep jarojn antaŭ ol nova biciklisto-karavano veturadis laŭlonge kaj trans la Francaj limoj...

Multaj el la antaŭmilite jam famaj biciklistoj neniam plu remetis la piedojn sur la pedalojn.

*(Daŭrigota)*

---



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Malaperanta folkloro

Ligna domo, iam tipa en la vilaĝo Ĉiĉmany.

# Pri la VIII-a Esperanto-kongreso en Brno

Laŭ la propono de s-ano Inĝ. Fanta, prezidinto de LKK en Liberec, akceptita okaze de la pasintjara kongreso, la nunjara estus devinta okazi en Slovakio. Pro la malfacilaĵoj de la pasintjara slovaka kongreso en Bratislava pri kunvenejoj, loĝigado ktp., la subskribinto ekinterrilatis kun la ŝtataj banejoj, kiuj volonte estus akceptintaj la gastigadon, sed nur dum la antaŭsezono, ĉar temis pri almenaŭ 700—800 partoprenontoj. Tial la honoro aranĝi la nunjaran kongreson trafis — verdire en la lasta momento — la ĉefurbon de Moravio, duan plej grandan urbon en ĈSR, agadejon de nombraj esperantistaj pioniroj kaj scenejon de multaj akraj bataloj por pli bona sorto de la laboristaro.

Ĝi okazis la 27—29-an de majo kaj estis brile organizita, same kiel la pasintjara en Liberec, ĉar kongresaranĝado en la ĉeĥaj landoj havas jam sian longan kaj firman tradicion. Ĉio ruliĝadis glate: kaj la interkonatiĝa vespero sabate en la Laborista domo kaj la solena inaŭguro dimanĉe antaŭtagmeze en la Stadiono kaj la posttagmezaj ĝeneralkunvenoj de Esperanto Asocio en ĈSR (jam la oka) kaj de Slovaka Esperanto Societo (la kvara), komence apartaj, sed poste unuiĝintaj sub komuna estraro. Ankaŭ la lundaj ekskursoj al la mondfama Moravia Karsto kaj al lago apud Bystrá kun ŝipveturo havis bonan veteron.

Aliĝis kaj partoprenis precize 1000 kongresanoj (120 el Slovakio), do ni solene manifestis ĝuste en Brno, de kie estis direktitaj akraj atakoj kontraŭ Esperanto (Prof. Dro. Trávníček en Lidové Noviny) kaj proklamis nian solidarecon kun la internaciismo socialista kaj la tutmonda pacmovado laŭ la Stokholma Deklaracio, kiun ni subskribis.

Ĉu vin interesas ankaŭ miaj riproĉetoj? Jen ili estas. Dum la interkonatiĝa vespero la loka disaŭdigo ne funkciis sufiĉe bone (aŭ la aktoroj ne iris al la mikrofono), tial la parolata programo estis aŭdebla nur en la antaŭaj vicoj. Cetere la kantita parto superis ankaŭ dum la artvespero, bazita — kontraŭe al Liberec kun ĝia filharmonia orkestro — sur prezentiĝo de gemajstroj — unuopuloj, kies voĉojn ekkaptis nia „Verda Stacio" ankaŭ por la eksterlando.

Ĉar la aranĝantoj volis prezenti al la gastoj vere ĉion bonan, la duono de la halo estis rezervita por dancado. Iu junulo min demandis, kiel oni devas peti dancon esperantlingve kaj kiel oni esprimas sian dankon kaj kontentecon? Post ĉi tiu klarigo li min vere serioze pruvis konvinki, ke lerni Esperanton estis grandega sensencaĵo miaflanke kaj ke mi prefere lernu ian nacian mondligvon, ekz. la francan. Krome li min superŝutis per jam milfoje aŭditaj riproĉoj „kiom da vi estas, kion vi volas — ĉu egaligi la mondon?"... Ne miru li kaj vi, ke mi lin restigis sola, klarigante al li nur tiom, ke por kunredaktoro de Esperanta gazeto, kiu krom la slovaka jam lernis la hungaran, germanan, latinan, grekan, ĉeĥan, francan, anglan ja eĉ hispanan, estas jam malfrue ĉesi la lernadon de Esperanto, kiu sola ebligas al li la ĉiutagan praktikadon, kaj propagandadon de sia malgranda popolo en la tuta mondo. „Pro futuro" mi ne konsilas al niaj fervor-

uloj varbi tiajn „malvarmajn kavalirojn“ per invito al varmiga dancado kun esperantistinoj dum la paŭzoj, ĉar ili povas venenigi la plej solenajn minutojn de nia samideana kunesto, por kiu ni ofte devas multon oferi.

Alia surprizo, tute nekomprenebla, por mi estis, ke — unuafoje en la historio de niaj kongresoj — la protektoro (urbo Brno), ne sendis reprezentanton por la solena inaŭguro. Aŭ ĉu mi estas naivulo?

Pro lokmanko mi bedaŭrinde ne povas raporti pri la salutparoladoj, mi nur menciu, ke salutis la delegitoj de la Ministerio por Informoj kaj Klerigo el Praha, de la samnoma Komisiitejo el Bratislava (kies reprezentanto, mem esperantisto, prezentis anstataŭ saluto agadraporton), de la politikaj partioj kaj la Nacia Fronto, de la armeo ktp.

Multvaloran promeson signifas la alvoko de la reprezentanto de Regiona Revolucia Sindikata Movado elsendi delegitojn por preparo de plej intima kunlaboro.

La kongreson partoprenis kaj la ĝeneralan kunvenon de SES per sia ĉeesto honorigis nia eksterlanda vizitanto, s-ano Bruijn. La finkalkulo de la slovakia movado estis tre simpla: monon ĝi ne havas, tamen ĝi floras kaj kreskas, dank' al la fervora laboro de siaj pioniroj kaj kunhelpo de samideanoj ĉeĥaj kaj moraviaj (el kiuj s-ino Milda Jakubcová kaj Jaromír Pavlacký estis elektitaj honoraj estraranoj de SES.)

La ĉijara kongreso en Brno plene sukcesis, sukcesu ankaŭ la venontjara en Karlovy Vary! Eliz.

---

*J. V. Dolinský:*

# „Po" — slavdevena prepozicio

Dro T. Pumpr en sia artikolo „Kaj tamen la tero turniĝas“ (Literatura Mondo, 1949, pĝ. 24.), pledante por nominativo post „po“-prepozicio argumentas per slavaj lingvoj, el kiuj Zamenhof prenis ĉi tiun distribuan prepozicion. Interalie li skribas: „Ĝi ekzistas ankaŭ en la ĉeĥa. Kaj tie la afero pri PO statas tute same, kiel en Esperanto.“

Dro Pumpr estus tute prava, postulante post „po“ nominativon, se Zamenhof estus preninta la koncernan prepozicion kune kun la regulo pri la kazo de la postnumerala substantivo — el la ĉeĥa. Ĉi-kaze Zamenhof estus certe deklarinta en la koncerna Lingva respondo, ke el la du esprimoj: „doni po du pecojn“ kaj „doni po du pecoj“ sole la dua estas ĝusta kaj uzenda. Sed Zamenhof deklaris ja ambaŭ esprimojn *bonaj kaj uzeblaj*. Por tion deklari, li certe havis motivojn. Eble mi ne eraras, kiam unu el la motivoj mi vidas en la sekvantaj:

La plej vastetenda slava lingvo,

la rusa, post la distribua „po"-prepozicio (samkiel la slovaka) — ne ĉiam uzas prepozitivon, sed certakaze pluralan *akuzativon* eĉ pluralan *genitivon* (= prepozitivo). Ekzemple:

*Ruse:* Otec im dal po *dve jabloka.* (Plur. akuzativo.)

Slovake: Otec im dal po *dve jablká.* (Plur. akuzativo.)

Esperante: La patro donis al ili po *du pomojn!*

Same en akuzativo estas la postnumerala substantivo, kiam la distribuado okazas *po tri* aŭ *po kvar* pecoj. Sed la deklinacia kazo ŝanĝiĝas, kiam oni distribuas *po kvin, po ses* pecoj, ktp. Ekzemple:

*Ruse:* Otec im dal po *pjať jablok.* (Plur. genitivo.)

*Slovake:* Otec im dal po *päť jablk.* (Plur. genitivo.)

Esperante: La patro donis al ili po *kvin pomoj!*

El la supraj ekzemploj estas evidente, ke certan deklinacian kazon por la postnumerala substantivo diktas ne la „po"-prepozicio — *sed la numeralo!* La supraj reguloj validas en la slovaka ĉe ĉiuj transiraj verboj.

En la slovaka krom la distribua „po" ekzistas ankaŭ alispecaj „po"-prepozicioj kun signifoj: *sur, laŭ, ĝis* (por indiki lokon), *post* (por indiki tempon), *por -i* (por indiki celon kun verboj movindikaj), ktp.

La ĉeĥa lingvo posedas nur unu „po"-prepozicion, nome tiun, pri kiu parolas Dro Pumpr. Tiun saman oni uzas ankaŭ ĉe la distribuado. Do nemirinde, ke Dro Pumpr kun „heŭreka!" krio (ja ne tute motivite) deziris „po unu bonajn noktojn" al la obstinaj akuzativistoj.

Mi ne pledas, mi nur konstatas.

*Stanislav Šimek:*

# La betulo

*Eĉ makuleto sur ĝi ne estis; ĝi staris blanka kiel virgulino. Mi fikse alrigardis ĝin, kaj jen — ekŝajnis al mi kvazaŭ ĝi al miaj piedoj kliniĝus, per banĉetoj ĝi min ĉirkaŭprenus kaj en orelojn miajn flustrus: „Kial vi volas detrui mian junan vivon, kion mi faris al vi?"*

*En tiu momento la tranĉrando de la segilo ekknaris sur la ŝelo kaj enpenetris en la korpon de la betulo. La betulo estis faligita.*

*Eĉ folio ne ekmoviĝis sur ĝi, jen ĝi kuŝis kadavrosimile.*

*Mi eksentis bedaŭron, kvazaŭ mi estus mortiginta homon . . .*

# Modela vigleco de japanaj samideanoj

Estus certe malfacila tasko eĉ nur mencii per kelkaj vortoj ĉiujn praktikajn sukcesojn de japanaj samideanoj dum kelkdekjara historio de japana esperantista movado. Cetere ni eĉ ne estas kompetentaj fari tion, ĉar nur bone informita japana samideano, post longa studo, kapablus sukcese· elĉerpi tiun temon. Ni nur menciu kelkajn detalojn, kiuj povas nin speciale interesi.

Antaŭ ĉio ni menciu libron de japanaj samideanoj, aperitan dum pasinta jaro. Ĝi surhavas titolon „Konversacio de Esperanto". Ĝi estas libreto de Esperanta-japana konversacio, kompilita de s-ano J. Ošima kaj eldonita de la librejo Toga. En tre bona Esperanto ĝi prezentas al japanaj samideanoj la plej necesajn frazojn por konversacio kaj samtempe informas ilin pri esperantista movado en la mondo kaj en Japanio. Por ni estas speciale interesaj kelkaj lastaj frazoj de ĉi tiu verko: „Lastatempe mia agema amiko tradukis novelojn de demokrataj verkistoj japanaj, ekzemple Tokunada, Huzimori kaj aliaj, kaj sendis ilin al sia korespondanto en Ĉeĥoslovakio, kiu tradukis ilin en sian lingvon kaj aperigis ilin en Ĵurnalo de laboristaj sindikatoj." Ankaŭ plia frazo estas interesa por ni: „Cetere, ĉeĥoslovakaj amikoj intencas eldoni japanajn verkojn en sia nacia lingvo." Nu, koncerne la unuan cititan frazon niaj slovakaj samideanoj certe povas diveni, ke tiu „agema amiko" estas japana s-ano Kurisu en Osaka, kies peresperantaj tradukoj el japana literaturo, same kiel liaj propraj kontribuaĵoj, aperis sufiĉe ofte en la ĵurnalo „Práca", kelkaj ankaŭ en „Život" aŭ eĉ en la ĉeha gazeto „Nový Orient". Ankaŭ la dua citita frazo estas vera kaj la ĵurnalo „Práca" jam eĉ anoncis aperigon de slovaka traduko de la romano „Loď na kraby" de fama japana progresema verkisto Takiĝi Kobajaŝi. La slovaka traduko estis ebla nur dank'al la Esperanta traduko de s-ano Kurisu, kiu nun preparas pliajn japanajn verkojn por peresperanta traduko en lingvon slovakan kaj aliajn.

*I. Z.*

---

Samideanoj el Moravi-slovakio invitas vin partopreni **Regionan kunvenon**, kiu okazos la 20-an de aŭgusto 1950 en Veselí nad Moravou.

Provizora programo: antaŭtagmeze laborkunveno, posttagmeze ekskurso al glorantikva monaĥejo Velehrad kaj kastelfortikaĵo Buchlov. Aliĝu tuj ĉe: **Esperanto klubo — Jaromír Pavlacký, Veselí nad Moravou.**

# Kiel pliviglìgi la kluban vivon?

La vigleco de la kluba vivo dependas de tio, ĉu ĉiuj klubanoj aktive partoprenas en la programo kaj parolas dum la kunveno. Kompreneble, paroligi kaj interesigi ĉiujn estas ofte tre malfacile, tial ni jen publikas du ludojn, kiuj taŭgas por pliviglìgo de la klubaj kunvenoj.

1. *Vortara ekzerco*. La geklubanoj sidas ĉirkaŭ la tablo. Unu el ili diras ian vorton, ekzemple *Esperanto.* Lia dekstra najbar(in)o devas nun diri alian vorton, kiu komenciĝas *per la dua litero* de la dirita vorto, do per *s*, ekzemple *samideano*. La tria diras ekz. la vorton *ami*, la kvara la vorton *miliono* kaj tiel la ludo progresas ĉirkaŭ la tablo. Vortoj diritaj ne darfas esti ripetataj. Se iu ne konas la sencon de la dirita vorto, li demandu la dirinton. Oni demandu ankaŭ tiam, se estas suspekto, ke iu diris vorton elpensitan, kiu ne estas en la Esperanto-vortradikaro, ĉar la ludo celas lernigi al la ludantoj novajn bonajn vortojn.

Post kelkfoja praktikado oni povas pliseverigi la regulojn de la ludo. Oni povas postuli, ke ĉiu diru *du* samkomencajn vortojn; en tiu ĉi kazo la komenclitero de la vortoj, dirotaj de la sekvonta ludanto, estu *la dua litero de la dua* vorto. Aŭ oni povas fiksi la regulon, ke post substantivo, sekvu neniam substantivo, sed alia vortspeco, ekzemple: a*muzi*, *muso*, *utila*, *tute*, *urtiko*, *ridi* ktp.

La ludo estas simpla, sed ĝi bone ekzercigas al la klubanoj la vortaron. Ĝi taŭgas precipe por komencantoj.

2. *Demanda ludo*. La klubanoj sidas ĉirkaŭ la tablo. Unu faras demandon al sia dekstra (maldekstra) najbaro kaj tiu ĉi devas respondi. Sed antaŭ la komenco de la ludo oni fiksas, ke en la respondoj la vorto *esti* kaj ĉiuj ĝiaj konjugaciitaj formoj estas malpermesitaj. Do la unua demandas: „Kiom da horoj *estas?*“ Por eviti la uzon de la vorto esti, la demandito respondas: „La horloĝo *montras* duonon post la sepa.“ Aŭ: „Kie vi estas?“ La respondo: „Mi *sidas* ĉe la tablo en nia klubejo.“ Ktp.

La ludo ŝajnas esti tre simpla, sed eltrovemaj demandantoj ofte povas konfuzigi la demandaton kaj por povi respondi, la demandato devas konstrui frazon, kiu jam estas preskaŭ malgranda ekzameno pri lingvoscio. Ekzemple iu montras je la lampo kaj demandas: „Kio ĝi estas?“ La respondo: „La objekto, kiu *pendas* de la plafono, *nomiĝas* lampo.“ Aŭ: „Ĉu vi es-

tas homo?“ La respondo povas esti: „Jes, mi *naskiĝis* kiel homo.“ Ktp.

Oni povas kompliki la ludon tiel, ke oni malpermesas la eldiron de pluraj vortoj, ekzemple de *esti* kaj *havi*. Provu nur, kaj vi vidos, ke paroli Esperante sen uzo de *esti* kaj *havi* estas afero ne tute facila kaj ke ĝi igos vin pensi iomete pli profunde pri la sintakso en Esperanto. Kompreneble, ludante tiun ĉi ludon oni ne toleru frazojn fuŝajn, kriplajn kaj arbitre konstruitajn.

Bonan amuzon! EVT.

PS. Ni tre volonte publikigos en ES aliajn taŭgajn grupludojn, kiuj amuze paroligos la anojn de Esperanto-kluboj. Sendu iajn, kiuj estas uzataj en viaj kluboj! Antaŭdankon!

# Regiona kunveno en Trenčín

La 21-an de majo okazis en Trenčín regiona kunveno, kiun ĉeestis ges-anoj el 7 lokoj.

Okaze de la RK estis fondita Esperanto-rondeto ĉe la Entreprena klubo de nacia entrepreno „Merina“. La rondeto funkcios sub prezido de nia meritplena s-ano Ján Lamačka. Per tio ĉi Trenčín starigis rekordon: ĝi estas la unua urbo en Slovakio, havanta, du E-klubojn. Ni esperu, ke ili ambaŭ kunlaboros en harmonia reciproka sinhelpado por plifirmigo de nia afero en la suba parto de la Váh-valo. Al la nova klubo ni deziras bonan prosperon kaj longan vivon!

La saman tagon posttagmeze estis en la urba muzeo inaŭgurita daŭra Esperanto-sekcio. Inaŭguran alparolon havis la kustoso de la muzeo, s-ro p-ro Pozdišovský, kaj s-ano J. Lamačka. La E-sekcio estas instalita en ejo, kiun ĉiu vizitanto de la muzeo devas trapasi, do ĝi funkcios kiel daŭra, tre serioza propagandilo. Pro la starigo de la E-sekcio en la urba muzeo de Trenčín (fakte la dua Esperanto-muzeo en la mondo kaj la sola en ČSR!) ni direktas niajn dankojn al la direkcio de la muzeo, speciale al s-ro p-ro Pozdišovský, kiu kvankam mem ne-esperantisto, tamen favoras nian aferon, kaj al niaj trenĉinaj gesamideanoj, kiuj daŭre prizorgados ĝin. Menciinde estas, ke okaze de la inaŭguro de la muzeo la poŝtoficejo en Trenčín uzis specialan stampilon kun la teksto: Malfermo de la unua Esperanto-muzeo en ČSR.

Karaj ges-anoj, vizitante Trenčín nepre vizitu n i a n muzeon.

---

U n i t a r i a n o j, a t e n t u!

La 12. IV. 1950 prelegis s-anino J. Šupichová en kunveno de „Unuiĝo de unitarianaj virinoj“ en Praha — pri „Zamenhof, Esperanto kaj ĝia signifo por la tutmonda paco“. La prezidantino de la Unuiĝo, s-ino B. Hašplová kaj ĉiuj aŭskultantoj ekinteresiĝis pri Esperanto. Ĉiuj unitarianaj esperantistoj sendu saluton al la Unuiĝo. Adreso: *„Jednota unitářských žen“ Karlova ulice 8, PRAHA I.*

# Bonhumora paĝo

LA KONDIĈO.

— Kiom da cigaredoj vi fumas potage?

— La nombro dependas de tio, kiom da konatuloj mi renkontas.

LI KONAS LA RANGOJN.

Novrekrutito promenas tra la strato. Li renkontas rangulon kaj ne salutas lin. La rangulo haltigas lin kaj demandas:

— Kial vi ne salutis min?

— Mi ja absolute ne konas vin.

— Ĉu vi ne scias, kion signifas la tri steloj sur miaj epoletoj?

— Ho, jes, certe, — respondis la novrekrutito kaj salutis respektplene: „Bonan tagon, sinjoro Konjako!

STRANGAĴO.

— Ĉu vi jam vidis hundon kun kvin kruroj?

— Ne. Kaj vi?

— Mi vidis. La kvina kruro estis ansera kaj la hundo tenis ĝin en sia buŝo.

MALFRUIĜO NE MINACAS.

Subluanto riproĉas sian dommastrinon:

— La letero venis jam antaŭ tri tagoj kaj vi donas ĝin al mi nur hodiaŭ?

— Ne gravas, — kvietigas lin la dommastrino, — vi ja havas tiun rendevuon nur sabate.

KOMUNA SORTO.

Kion komunan havas porko kaj artisto?

Homoj estimas ilin ambaŭ nur post ilia morto.

LI TUJ TROVIS LA KIALON.

Anjo venis al dermatologo (kuracisto de haŭtmalsanoj) kaj plendas:

— Mia haŭto sur la vizaĝo ege jukas. Kio estas farenda en tiu ĉi afero?

— Razi! — respondas koncize la kuracisto.

— Kion?! Ĉu mi razu min?

— Ne vi, sed li!

LI VOLAS ESTI KOMPLEZEMA.

Sinjoro „en pli bona humoro" revenas hejmen kaj renkontas malriĉulon. Kompate li donas al li 10 kronojn kaj diras:

— Iru, bona homo, kaj trinku unu bieron je mia sano!

— Ĉu helan aŭ malhelan?

INTERESA TRAVIVAĴO.

Junaj geedzoj aĉetis dometon kun ĝardeneto. La edzo decidis kulturi en la ĝardeneto legomojn. Kun granda fervoro li komencis pioĉi la bedojn. Post duonhora laboro li je sia granda surprizo trovis ĉe sia piedo kvin-kronan moneron. Li daŭrigis fervore la laboron kaj estis rekompencita per pluaj moneroj — du-krono, krono, alia kvin-krono kaj pluraj etaj moneroj.

— Ĉi tio ja estas or-minejo, li diris al si. „Mi estas scivola, kion mi ĉi tie ankoraŭ trovos."

Liaj manoj jam doloris, sur lia nazo fluis gutoj da ŝvito kaj li sentis sin kvazaŭ lia korpo estus frakasita. Ĝemegante li rektiĝis — kaj tiam li sentis ke io malvarma glitas laŭlonge lia kruro. Tiam li ekkomprenis, de kie estis la trovitaj moneroj: estis truo en la poŝo de lia pantalono!

# La printempan tritikejon...

Slovaka popolkanto.

*Andante.*

La prin - tem - pan tri - ti - - ke - jon
hu - fo- - fra - pis kor - vo - - ni - gra

ĉe l'ar - ba - ro, ĉe l'ar - ba - ro, ĉe l'ar - ba - ro
ĉe- val - a- ro, ĉe - val - a- - ro, ĉe- val - a- - ro.

2. Mi eniris ĝardeneton [:mi eniris:].
tri rozetojn mi deŝiris [:mi deŝiris:].
3. Poligono verdkoloras, [:verdkoloras:],
ĝin ja ŝiru, karulin', [ĝi bonodoras:].

Tradukis J. V. Dolinský.

# La fumado kaj la kancero

Malbona kutimo de la homoj estas, ke la plimulto el ili neniam pripensas la sanstaton de sia korpo, ĝis en ĝi okazas io, kio malsanigas ĝin. Kaj kiam ili estas malsanaj, ili ĉiam diras: „Ne mi kulpas pri la malsano, sed la vetero, la malvarmo aŭ la varmo, la malseko, iu bacilo“ k. t. p.

Ĉiam la homoj serĉas la kaŭzon en la ekstera mondo kaj preskaŭ neniam en sia propra korpo, en la propra spirito.

Ho jes, mi scias, ke la ĉirkaŭaĵo havas grandan influon al la vivo. Sed ĉi tie kuŝas stranga afero antaŭ ni: La plej multaj homoj ne ŝatas vidi malbonaĵojn en si mem kaj ŝovas la respondecon pri la malbono en la mondo kaj en si mem sur aliulojn kaj aliaĵojn malproksimajn de ili.

En Amsterdamo troviĝas la „Van Leeuwenhoek-Domo“. Sur la ekstera flanko oni vidas nenion rimarkindan, sed interne de ĝi estas konstatitaj jam multaj mortigaj tumoroj. Ĝi ja estas unu el la plej konataj kancero-centroj en Nederlando. Ĝin vizitas centoj da malsanuloj.

En tiu domo laboras tre klera kuracisto. Li esploris multajn pacientojn kun kancero en la pulmoj kaj unu afero frapis lin: la nombro de

tiuj pacientoj pligrandiĝis dum la lastaj jardekoj, kiel ankaŭ la scienculoj en aliaj landoj rimarkis.

„Kio povas esti la kaŭzo de tiu progreso?“ li demandis al si.

Por ekscii tion, li ankoraŭfoje tre bone esploris la historiojn de ĉiuj siaj pacientoj kun kancero en la pulmoj. Li statistike prilaboris tiun materialon per komplika scienca metodo por akiri bonajn rezultatojn. Kio evidentiĝis?

Unue: la pulma kancero precipe troviĝas ĉe viroj, kvankam ankaŭ relative multaj virinoj suferas pro tiu malsano.

Due: preskaŭ nur „kapo“-laboristoj, t. e. intelektuloj, estas la viktimoj.

Kial do tiaj homoj? estis la demando. La kuracisto serĉis kaj serĉadis, faris multajn supozojn, legis aliajn sciencajn verkojn, sed fine li povis trovi por tiu mortiga teruraĵo nur unu ĉefan kaŭzon: la fumado!

Preskaŭ ĉiuj liaj pacientoj laboris en oficejoj k. t. p., do en ejoj, kie cerbo-laboro estas la plej grava. Do la plej bona okazo por fumado! Kaj evidentiĝis, ke ne nur la fumo de popra cigaro aŭ cigaredo havas influon, sed ankaŭ tiu de la kolegoj en la sama ejo, en kiu oni spiras la tutan tagon!

Ĉe kamparanoj, agrikulturistoj k. t. p. la pulma kancero estas maloftaĵo, kvankan la eblo ĉiam ekzistas.

Do la fumado povas havi gravajn sekvojn, ne nur tiajn „malsanetojn“, kia kronika tusado, kaj malbonan efikon al la koro kaj stomako.

Kial ni fumas?

Serĉu tre profunde en via psiko, en via spirito, ĉiam demandante: Kial? — Eble vi trovos ĉi tiun veron: „La homa korpo estas malsana, ĉar ĝia spirito estas malsana.“

La fumado estas nur unu kaŭzo de la korpa kaj spirita malfeliĉo. Serĉu aliajn!

El „Nederlanda Medicina Revuo“ (N-ro 46, 1948) tradukis H. Wernik (medicina studento), Haarlem, Ned.
Represita el „La Juna Vivo“.

---

TRNAVA. La 25-an de junio okazis regiona kuveno en Trnava. Ni ĝis nun ne ricevis raporton, do la detaloj mankas. Ni aperigos ilin en la venonta n-ro. Ĝis nun aranĝis regionajn kunvenojn nur la regionoj Bratislava kaj Tatry. Kiu sekvos la imitindan ekzemplon?

# Parolas SEI

*Podľa rozhodnutia valného shromaždenia Slov. esperantského sdruženia, v Brne dňa 28. V. 1950, založili sme tlačový fond, ktorý by umožnil ďalšie vydávanie časopisu Esperantisto Slovaka, učebníc a beletrie. Všetky naše vydania sú z propagačných príčin tak lacné, že neprinášajú nijaký zisk ako rezervu a ich dlhodobé uskladnenie (kým sa rozpredajú) ohrožuje finančnú rovnováhu Slov. esperant. ústavu. Vydavateľskú činnosť udržiavame z vlastných prostriedkov esperantských a preto prosíme všetky kluby, krúžky a jednotlivcov o dobrovoľný príspevok, keďže od 1. júla t. r. musíme platiť už i úradníčku. — V nádeji na Vaše porozumenie pripojujeme složenku a prosíme všetkých, ktorí majú akékoľvek nedoplatky za časopis, alebo knihy, či oznamy, nech nám ich tiež obratom vyrovnajú.*

V snahe vyrovnať financie časopisu, urobili sme krok, ktorého výsledok je prekvapujúci. Rozposlali sme upomienky všetkým, ktorí nemali zaplatené na tento alebo i minulý rok; a tu sme zistili, že sme mali „medzi ľudom" vyše 25.000 Kčs.

Po rozposlaní upomienok sa nám stalo, že sme poslali upomienku aj niekoľkým, ktorí statočne predplatili. Prosíme všetkých, ktorí majú doklad o zaplatení, aby považovali našu upomienku za omyl a ako takú za bezpredmetnú. Uisťujeme všetkých, že dvoje predplatné nechceme žiadať. Kto napriek tomu zaplatil ešte raz, tomu pripíšeme preplatok k dobru na budúci rok.

K upomienkam sme pripočítavali poplatok Kčs 3.—. To preto, lebo rozposielanie upomienok je veľká práca a my sme ju museli zaplatiť. Keďže nik nemôže žiadať, aby sme dopláca li na jeho zábudlivosť, nahradili sme si výdavok takto. Kto však poslal predplatné včas, ušetril sebe výdavky a nám starosť a prácu.

V Brne na valnom shromaždení členstvo rozhodlo, aby sa utvoril **Tlačový podporný fond** (viď oznámenie vyššie). S radosťou zaznamenávame, že hoci fond oznamujeme až teraz, už prišly naň aj prvé príspevky. Z nich musíme najmä vyzdvihnúť príspevok Kčs 600.—, ktorý nám poslal Klub esperantistov z Veselí nad Moravou. Milí Veselania, za toto porozumenie, ako i za novozískaných predplatiteľov srdečná vďaka!

Na našu výzvu propagovať náš časopis veľmi pekne zareagovali niektorí samideáni, najmä na Morave a v Čechách, a poslali nám priamo prihlášky i adresy záujemcov. Dokázali tak, že naozaj majú náš časopis radi, a my sa vo zvýšenej miere budeme usilovať, aby bol stále hodný podpory. Keby boli také porozumenie ukázali viacerí, mali by sme potrebný počet nových predplatiteľov už i prekročený a budúcnosť jeho by bola zaistená. Ale ešte nie je neskoro, poponáhľajte sa.

*Slov. esperantský ústav.*

## NI RECENZAS

Daniel Quarello: LERNU ESPERANTON. (1—3. kajeroj). Eldonistoj: Quarello & Cia, Buenos Aires. **Prezo kun** afranko po 5 int. respondkuponoj.

La tri kajeroj estas ekstraktoj el samnoma verko kun la supre indikita 1-a kajero, sed ĉiu kajero havas malsaman titolon. La titoloj (krom la unua) estas nur banalaj gramatikaj terminoj, kiujn indiki estas superflue. Sed tiom pli interesaj kaj multpromesaj estas la subtitoloj de la kajeroj.

La subtitolo de la 1-a kajero tekstas: „*...libro dediĉita al tiuj, kiuj deziras koni ĝisfunde, paroli korekte kaj skribi perfekte nian lingvon*“; la subtitolo de la 2-a estas: „*Libro kiu kreas majstrojn je(!) nia lingvo*“ kaj tiu de la 3 a: „*Libro-gvido(!) por niaj verkistoj, tradukistoj kaj literaturamantoj*“! Ĉio ja kuraĝe, sed ne tre elegante dirite kaj ĝia efektiviĝo helpe de tiuj ĉi kajeroj estas tre-tre dubinda.

Gramatike sperta leganto tuj rimarkas, ke la aŭtoro regas neplene la Esperantan gramatikon, precipe koncerne la fakterminojn, li eĉ arbitre kreas novajn.

Sur la 13-a paĝo li instruas: „La ĉefaj terminoj(!) de propozicio aŭ, por pli bone diri, ĝiaj ĉefaj elementoj(!) estas du *nominativo*(!) kaj *predikato*.“ Nominativo li nomas *la subjekton* de la frazo, kiu estas nek elemento nek termino de propozicio, sed unu el ĝiaj ĉefpartoj. Por rekta objekto li uzas la terminon „akuzativo (t. e. la paciento(!) de l'verbo)“ kaj por la nerekta objekto terminojn „dativo“ kaj „agantivo“. Ĉi-lasta estas nerekta objekto en genitivo aŭ t. n. DE-objekto. La aŭtoro distingas kvar „dativojn“, nome: komunan, favoran, malfavoran kaj celan. Kiel arbitra kaj senbezona distingiĝo!

Verko, kun tia alta celo, pretendanta eduki *majstrojn* pri la lingvo, gvidi verkistojn, tradukistojn kaj literaturamantojn — el lingva vidpunkto (en sia tuta amplekso!) devas esti nepre ne riproĉebla. Se troviĝas en ĝi gramatikaj, vortaraj kaj ortografiaj malkorektaĵoj — ĝi jam anticipe perdis sian instruan valoron.

Ni ekzamenu do la lingvaĵon de la kajeroj.

La unua eksplika frazo (pĝ. 3.) komenciĝas jene: „Analizante ĉi tiujn propoziciojn, vi *notas* tuj, ke ĉiu konsistas el du *distinktaj*(!) elementoj...“ Korekte:... vi rimarkas tuj..., el du distingiĝaj...

El multaj mismodelaj frazoj de la 1-a kajero mi citu almenaŭ kelkajn: „La porko *finas* grunti“ (...ĉesas *aŭ* ĉesis grunti). „*De kiu* oni asertas...“ (Pri kiu...). „Oni *ingis* la glavon“ (...eningigis...) „La soldatoj *malingis* la bajoneton“ (...elingigis...), „La kokino *kuklas*“ kaj „La kokino *finas* *kukli*“ (...klukas... kaj ĉesas *aŭ* ĉesis kluki) — „*ajn* vorto uzata kiel substantivo...“ (kia ajn vorto uzita...). „La kokino volas *fari* ovon“ (...meti...). Kiel krono de la 1-a kajero staru la jena frazo: „Konsideri la trafan rimedon uzatan de Esperanto por distingi la akuzativon *dis de*(!) l'nominativo estas konfirmi la konvinkon, ke mi kaj vi, afablaj legantoj kaj ĝentilaj Esperantinaj(?), jam fari al ni pri l' supereco de ĉi tiu eksterordinara lingvo. ”(pĝ. 14.) (...disde...)

Kelkaj specimenoj el la 2-a kajero: „Ŝi havis la veston bela (= Ŝi havis, ke ŝia vesto estis bela.)“ Sensencaĵo! La frazo havas nekonvenan predikaton

(verbon). Korekte: Ŝi trovis (*aŭ* konsideris) la veston bela.“ Li estas la fiero de sia patro (= *lia patra* fiero) „(... siapatra fiero). Ili manĝis *duonkilon* da bovaĵo“ (... duonkilogramon...). „Kilo“ laŭ SAT — vortaro estas — *trabo,* kiu estas kvazaŭ spino de la ŝipo. „Parolante Esperanton, ni honoras *Zamenhof'n*...“ (... Zamenhofon...) „La libro kiu kreas majstrojn *je* nia lingvo“ ... libro, kiu ... de nia *aŭ* pri nia lingvo.)

Kaj jen gustumaĵoj el la 3-a kajero — la „Libro-gvido“! Korekte: Gvidlibro.

„Zamenhof naskiĝis *la 15 decembro* 1859.“ (... la 15-an de ...). „Venu ĉe min“, ne-imitinda francismo, korekte: Venu al mi. „Vin mi petas, volu resti *tra kelka tempo* en palaco mia“ (Mi petas vin, bonvolu resti dum kelka tempo en mia palaco). „Mi *pasis* la tutan tagon ...“ (... pasigis ...). „*Preter la arboj* vi trovos la statuon“ (Apud la arboj ...). „Muso Miki restis du tagojn *sen manĝi*“ (... sen manĝo). „Por aĉeti pomalgrande oni devas iri *en butiko*“ (... en butikon).

Permesu ankoraŭ, ke mi marŝigu antaŭ vi la ĉarmajn „nominativojn“ el kelkaj „modelaj“ frazoj de tiu ĉi kajero. Jen ili: Cindrulino, Rapidulino, Orkorulino, Ĉapetulino, Neĝulino, Paculino kaj por ke en la revuo ne manku ĉarmuloj — jen doktoro Titolavida kaj la bedaŭrinda Ŝtonulo. Vi demandas: Pro kio bedaŭrinda? Aŭdu la aŭtoron: „Sinjoro Ŝtonulo estis kaptita ĉe freŝa faro kun *la peko* en la mano.“ Ankaŭ mi havas ja pekon, eble ankaŭ vi, kara leganto, sed ni, estante neverkistoj, nomas ĝin simple — *bastono!*

*Ján Vado.*

---




Laborbrigado de geesperantistoj en Svit belege montras, kiel bone aspektas, se la klubo faras kolektivajn entreprenojn: ĝi bonege propagandas.

## EL ESPERANTUJO

VESELÍ NAD MORAVOU. Post la vintra kurso de Esperanto la grupanoj elektis novan estraron. Elektitaj estis: prez. *J. Pavlacký,* vicprez. s-ino *Runkasová,* sekr.: *L. Obleser,* kas.: *F. Hynšt,* revizoroj: *Fr. Pečár* kaj *Št. Zrúna;* anoj: f ino *M. Hradilová, B. Blahák, J. Valach, Fr. Tyllich, St. Bublák* kaj f-ino *H. Andrýsková.* Ĉar nian Esperantistan vivon partoprenas ankaŭ samideanoj el ĉirkaŭaĵo, estis elektitaj reprezentantoj el ĉiu komunumo: el Uherský Ostroh f-ino *Vl. Koukalová,* el Ostrožská Lhota *Fr. Štajnoch,* el Vnorovy J. Všetula kaj el Osvětimany f-ino *E. Vaďurová.*

La klubo fondis „Kronikon de esperantista movado en Veselí nad Moravou“. En ĉi tiu libro ni priskribas ĉion pri esperantista vivo en Veselí kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Ni eĉ sukcesis trovi la postsignojn pri unuaj pioniroj de Esperanto en nia urbo antaŭ 40 jaroj. Multe helpis al ni konata samideanino J. Šupichová el Praha, kiu afable sendis al ni fotografaĵon de la verŝajne unua esperantista grupo en Veselí n. M., gvidita de jam mortinta s-anino, instruistino Řeháková antaŭ la unua mondmilito. La kroniko enhavas multe da fotografaĵoj. La kronikon prizorgas s-ano L. Obléser. Nia antaŭa sekretario, s-ano Ant. Lecián foriris de Veselí n. M. al Brno. Ĉi-okaze nia klubo esprimas al ni sinceran dankon por lia fervora laboro,

*P.*

VSETÍN. En la pasinta sezono okazis du kursoj, kiujn gvidis la prez. s-ano A. Berka laŭ sia propra lernolibro. La nuna komitato: prez. A. Berka, sekr. J. Zajíc, kas. J. Chovančík, propag. S. Riedl. La klubo kunvenadas en Klubo „Z“ (hotelo Pančavá sur Beneš-placo) ĉiumerkrede je la 20-a h. Krom la organiza vivo ni en ĉiu kunveno praktikas daŭrigan kurson. Krom aliaj ni lasas ĉiun membron alparoli la ceterajn en „sia kvinminuto“; tio estas paroladeto laŭ libere elektita temo, post ĝi sekvas diskuto. Ĉiu s-ano, kiu venos al Vsetín, vizitu certe nian kunvenon kaj faru sian „kvinminuton“. Por pliviģligi la kunvenojn, la membroj libervole kontribuas al la programo ankaŭ per rakontado aŭ legado de partoj el E-libroj, kiujn ili ĵus legas. La rezultoj estas tre kontentigaj.

La klubo fondis kluban bibliotekon. Ni petas vin, proponu al ni aĉeton de libroj.

*Loka Grupo de Slovaka Esperanto-Societo en Trenčín* havis la 16-an de marto sian regulan ĝen. kunvenon, kiu elektis novan estraron jene: prez. *Ján Lamačka,* vicprez. *Fr. Bryndza,* sekr. *Rud. Bušo,* kasisto *V. Hlavatý,* protokolistinoj *M. Bartakovičová* kaj *V. Komorášová,* revizoroj *J. Filo* kaj *K. Spillauerová,* lerneja peranto prof. *Jar. Procházka,* poŝtista peranto *V. Varinský,* komitataninoj *J. Stoklasová* kaj *A. Flimmelová.* Loka peranto *R. Bušo,* distrikta peranto *I. Klas.*

La klubaj kunvenoj okazas ĉiuĵaude je la 19-a en la konstruaĵo de Metiaj lernejoj, Hviezdoslav-str. Kluba adreso: Pod Sokolicami 1675.

*Nova Esperanta grupo.* La 6-an de marto okazis en Púchov, en kadro de la entreprena lernejo „Makyta“, Ĉe-metoda kurso de Esperanto kun 28 partoprenintoj. Antaŭ fino de la kurso estis fondita Esperanta grupo ĉe la entrepreno.

## ESPERANTUJO VOKAS.

Listo de regulaj radio-dissendoj en aŭ pri Esperanto kaj informoj. Tempindiko laŭ la mezeŭropa horsistemo. Greenwichtemp-anoj bonvolu depreni unu horon.

MALLONGIGOJ:

I = informoj. P = parolad(et)o. K = kurso.

ĈIUTAGE:

15.45—16.00 Praha, 25,51 m: I.
19.45—20.00 Sofia, 39,11 m: I. kaj P.
22.00—22.30 Praha, 31,41 m: P.

LUNDE:

6.30— 6.35 Vieno, 513 m, 25 m, 31 m, 41 m, 48 m: I.
17.30—18.00 Rio de Janeiro, 375 m, 30,71 m: K.
22.45—23.00 Praha, 470 m, 315 m: I. kaj P.

MARDE:

12.55—13.00 Berno, 48,66 m, 31,46 m: P. de d-ro A. Baur.
18 40—18.45 Berno, 48,66 m, 31,46 m: Ripeto de la tagmeza elsendo.

MERKREDE:

0.45— 1.00 Gvatemalo 49 m: I.
20.15—20.30 Varŝavo III, 48,23 m: I.
22.45—23.000 Praha, 470 m: I. kaj P.
23.00—23.45 Praha, 470 m, 315 m: „La Verda Stacio“ disendas sian tre aŭskultindan artoprogramon!! (Nur la unuan merkredon de ĉiu monato).

ĴAUDE:

12.55—13—00 Bern, 48,66 m, 31,46 m: P. de d-ro Edmond Privat pri mondfederacio kaj paco.
18 40—1845 Bern, 48,66 m, 31,46 m. Ripeto de la tagmezo elsendo.

VENDREDE:

16.40—16.55 Vieno 203 m, 48 m, 25 m, 31 m, 41 m: I. (Nur ĉiuduavendrede!)
17.00—17.20 Romo, 19 m, 25 m: I. kaj muziko.

DIMANĈE:

9.00, 11.00, 13.00: „Nigra Stacio“, 41.13 m: Gram,
17.00—17.20 Roma, 19 m, 25 m: I. kaj muziko.

---

## KURSOJ EN APRILO-JUNIO

S-ano Karlo Ŝolc, Ĉe-metoda instruisto de Slovaka Esperanto-Instituto ekde la 1-a de aprilo gvidas kursojn en T. S. Martin por plenkreskuloj, plue por gimnazio, por knaba kaj knabina mezlernejoj. Krome li instruas en Vrútky, Sučany, Turč. Teplice, Kláštor p. Zn. kaj en Lipt. Sv. Mikuláš.

En *Sačurov* (distr. Vranov) gvidas kurson por 14 lernantoj s-ano Štefan Michalka, instruisto de mezlernejo.

En *Sircký Železník,* p. Revúca (distr. Gemer) aranĝas kurson la Entreprena Klubo ROH (Revolucia Sindikata Movado), gvidatan de s-ano Ladislav Cibur, lernejestro (por 16 personoj).

---

35-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos en Parizo de la 5-a ĝis la 12-a de aŭgusto.

## ANONCETOJ

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm. Apartaj adresoj ne povas esti liverataj).

Mallongigoj: dez. — **deziras; kor.** — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — **tuta mondo;** esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto, ktp. — kaj tiel plu; k. s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

F-ino Anna Marie N i e l s e n, Dortheasvej 6., KØGE, Danujo, dez. kor. kun 50-jaruloj.

Instruisto E. Langkilde R a s m u s s e n, SKOVDALLUND, Jelling, Danujo, dez. kor. pri socialaj kaj ekonomiaj problemoj.

Instruisto P. C l e i j, Lingestraat 16/b, GRONINGEN, Nederlando, bezonas infanajn desegnojn el la tuta mondo, por ekspozicio.

G. P e t e r s o n, Brevl. 40, ROTTNE, Svedlando, dez. kor kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj el ĉ. landoj per longaj leteroj, iŝ. pm., g-ojn, librojn, fotografaĵojn ktp. Tuj respondos.

Gustáv R u m á n e k, peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ČSR-Slovakio, dez. kor. kun t. m. Certe resp.

F-ino Anna R o u b i č k o v á, 16-ja, POPRAD, Rázusova 3., ČSR-Slovakujo, dez. kor. kun t. m.

Jaroslav Ž i d, HRONOV, Kostelecká 312, ĈSR, dez. kor. iŝ. pm. kaj il pk. Certe resp.

F-lo Miro Z á v o d s k ý, oficisto 26-ja., Žilina-Závodie 197, RĈS-Slovakujo, dez. kor. kun f-ino.

Vladimír J u r á č e k, studento, BRNO, Gorkého 32/II RĈS, dez. kor. kaj iŝ. il. pk. kun eksterlandanoj el t. m.

Fr. S v a ĉ i n a, LANŽHOT, ĈSR dez. kor. pri la tuta homa vivo, de naskiĝo ĝis renaskiĝo, pri metodo kiel propagandi Esperanton, pri metodo kiel ĉesi fumadon, pri bredado de senkornaj kaprinoj laŭ plej moderna metodo.

Josef O d e h n a l, GOTTWALDOV-I., Mostní 990, ČSR, dez. iŝ. filatele afrankitajn leterojn el t. m. Certe resp. al ĉiu.

Esperantista rondeto ĉe Závodní klub ROH, GOTTWALDOV-I., Svit n. p. iŝ. leterojn kun progresemaj esperantistoj. Certe resp.

A l e k s t e r l a n d a n o j mi abonos „Esperantisto Slovaka-n (ankaŭ pasintajn jarkolektojn) kontraŭ sep. g-oj aŭ sciencaj libroj, broŝuroj laŭ propono. Skribu al Karel K r a f t, PŘÍBRAM — V-28, ČSR.

VARBU POR
ESPERANTISTO SLOVAKA
— VIA GAZETO!

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Turč. Sv. Martin), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—, — Účet Pošt, sporit,: S-9615, Slov, esperantský ústav, Turč. Sv, Martin, — Novin. výplatné pov. (Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: T. S. Martin, ČSR-Slovakio), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkupoňoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: TATRAN (KÚS), T. S. Martin.

